Espérantistes » et dit sa reconnaissance infinie envers ceux à qui l'on doit la propagation de l'Esperanto dans notre pays. Une émotion indicible s'empare de l'auditoire devant cette démonstration éclatante des bienfaits insoupçonnés que l'Esperanto apportera même aux plus déshérités du sort. Le commandant Lemaire s'avance, remercie en quelques mots rapides : et, joignant l'action à la parole, il prend l'aveugle par la main et, au nom de tous, lui donne une ardente accolade fraternelle. Moment inoubliable où tous les cœurs, emportés d'un élan irrésistible, communient dans un même sentiment de fraternelle solidarité!.....

Le rideau s'ouvre bientôt pour la représentation d' « *Alekso, aŭ eraro de bona patro* » drame en deux actes, traduit librement en Esperanto d'après le texte de Marsollier par le Frère Isidore, l'infatigable et modeste régisseur de la section dramatique.

L'éclairage de la scène où vont et viennent des acteurs aveugles, ajoute un détail tragique au caractère impressionnant de l'action qui se déroule. Chacun joue son rôle avec une aisance remarquable, une diction extraordinairement nette et précise. M. M. A. Polet, père sévère mais non impitoyable, Huegaerts, domestique fidèle et dévoué, Ed. Welter, excellent neveu et fils adopté, L. Wagée, le fils pathétique d'abord disparu, puis enfin retrouvé, tous, en un mot, sans oublier MM. Pierlot et De Weeze ni MM. Clymans, Liessens et Bosman recueillirent des applaudissements bien mérités pour l'exécution parfaite de ce drame, au cours duquel MM. Welter et Wagée ont eu l'occasion de faire admirer leur talent de pianiste.

Le n° 5 du programme « *Militado kaj paco* », poésie de Frère Isidore, musique de M. Richard Elyn, un élève aveugle, nous réserve une charmante surprise. La *Guerre* est chantée par une douzaine de guerriers porteurs d'un drapeau national, tandis que la *Paix* est représentée par un nombre égal de pacifistes vêtus de blanc et portant chacun un drapeau de même couleur. Succès complet !

Après l'audition de Anna Bolena de Donizetti, et de la « *Marche solennelle triomphale* » de Gilson jouées par la fanfare, M. Blanjean, dans une vibrante allocution adresse des remerciements et des félicitations à nos camarades de Woluwe, tout en insistant sur l'utilité de l'Esperanto qui les tirera de l'isolement en leur permettant désormis de communiquer avec le monde entier. Il adresse aussi de chaleureuses félicitations au dévoué et modeste Frère Isidore dont le labeur opiniâtre et persévérant est digne de la plus vive admiration.

D'une voix émue, ce dernier remercie toute l'assistance et particulièrement le commandant Lemaire, ainsi que MM. Blanjean et Jamin. Il fait ensuite donner lecture par M. Wagée d'une lettre longue et intéressante en Braille reçue le matin même et envoyée par un aveugle d'Upsala. Celui-ci disait en termes émus le bonheur qu'il éprouvait de pouvoir correspondre avec des frères appartenant à une nation étrangère.

Pour terminer la fête, le Carillon Suisse, composé de 20 clochettes agitées par les aveugles, exécuta le « *Carnaval de Venise,* » puis la Brabançonne qui fut écoutée debout par une assistance enthousiasmée.

al la Esperantistoj kaj esprimas sian senliman dankemecon al tiuj, kiuj ekpropagandis l' Esperanton en nia lando. Nedirebla kortuŝeco premas la tutan ĉeestantaron pro tiu neneigebla pruvo de la bonfaroj ankoraŭ nediveneblaj, kiujn l' Esperanto povas liveri al la plej malfavoritaj de l' sorto. Komandanto Lemaire antaŭeniras, dankas per kelkaj rapidaj vortoj kaj, kunigante parolon kaj agon, premas la manon de l' blindulo kaj, je la nomo de ĉiuj, donas al li la plejkoran kison de frateco. Neforgesebla momento dum kiu ĉiuj koroj, suprenmovitaj per nekontraŭbatalebla entuziasmo, kuniĝas en sama sento de frata solidareco!...

La kurteno baldaŭ malfermiĝas por la prezentado de « *Alekso, aŭ eraro de bona patro* », duakta dramo, laŭ la franca teksto de Marsollier, libere verkita de Frato Izidoro, estro tiel nelacebla kiel modesta de l' drama sekcio. La lumigo de l' scenejo, kie ludas blindaj aktoroj, aldonas tragedian detalon al la impresa karaktero de l' agado, kiu malvolviĝas. Ĉiu ludas sian rolon kun rimarkinda facileco kaj elparolado eksterordinare pura kaj preciza. S[roj] A. Polet, patro severa sed ne senkompata, Jozefo Huegaerts, fidela kaj sindonema servisto, Edmondo Welter, bonega nevo kaj adoptita filo, Leono Wagée, simpatia kortuŝanta filo unue forpelite perdita kaj fine feliĉege reakceptita, ĉiuj, unuvorte, ne forgesante S-rojn Maŭrico Pierlot kaj Eĝido De Weeze nek S-ojn Maŭrico Clymans, Aŭgusto Liessens kaj Viktoro Bosman, kolektis aplaŭdadon bone meritita pro la perfekta prezentado de tiu dramo, dum kies agado S-roj Wagée kaj Walter havis la okazon montriĝi talentplenaj fortepianoludistoj.

La n° 5[a] de l' programo « Militado kaj Paco », poezio de Frato Izidoro, muziko de Riĉardo Elyn, blinda lernanto, ĉarme surprizan nin. La *Militado* estas glorita de dekduo da militistoj portantaj la nacian standardon dum la *Paco* estas laŭdita de egala nombro da pacamantoj blanke vestitaj kaj portantaj la blankan pacan flagon. Granda kaj plena sukceso !

Post aŭdado de Anna Bolena de Donizetti kaj de la « *Solena triumfa Marŝo* » de Gilson luditaj de l' fanfaro, S[ro] Blanjean, per vibranta alparolado varme dankas kaj tutkore gratulas niajn amikojn Woluwe'ajn; li insiste montras la grandan utilecon de l' Esperanto, kiu eltiros ilin el la izoleco, ebligante de nun al ili la interrilaton kun la tuta mondo. Sin turnante al Frato Izidoro, li gratulas varme tiun fervoran kaj modestan samideanon, kies obstinan kaj senĉesan laboradon oni prave admiras.

Ĉi tiu, kortuŝata, dankas la tutan ĉeestantaron kaj speciale Komandanton Lemaire kaj Sinjorojn Blanjean kaj Jamin.

Poste la blinda lernanto S[ro] Wagée legas longan kaj interesplenan leteron skribitan per Braille'a metodo, ricevitan je la mateno mem, kaj senditan de blindulo el Upsala. Ĉi tiu diris per kortuŝantaj vortoj sian feliĉon, ĉar li povas korespondadi kun alilandaj gefratoj.....

Por fini la feston, la Svisa sonoriletaro konsistanta el 20 sonoriletoj svingataj de l' blinduloj ludis la « *Karnavalon de Venezio* », poste nian nacian himnon, kiun entuziasma ĉeestantaro stariĝante aŭskultis.

Enfin, au cours d'une petite réception qui suivit, le commandant Lemaire exprima, dans une éloquente improvisation, les sentiments d'admiration que chacun éprouvait à la vue des résultats presque miraculeux obtenus par ceux qui se sont consacrés avec tant d'abnégation à cette œuvre admirable de rédemption.

Le Père Abbé Leclercq, le Père Gilbert directeur, le Père Cyrille, Supérieur, le Frère Isidore et le Frère Julien échangèrent une dernière et cordiale poignée de mains avec leurs invités et ceux-ci reprirent le chemin de Bruxelles, emportant de cette belle réunion un souvenir ineffaçable.

— Notre « Samideano » Hanauer de Francfort sur Mein visitant la Belgique, il y a une quinzaine de jours, fut accueilli cordialement par le groupe bruxellois « Pioniro ». — Après quelques chaudes paroles de bienvenue de la part du président du groupe, M. Hanauer a remercié très vivement, montrant ainsi que l'Esperanto convient au mieux pour établir des relations amicales.

M. Hanauer rendit encore visite à quelques amis espérantistes à Bruxelles et à Anvers.

**Antwerpen.** In het hooger Handelsinstituut. — De leergang van Esperanto, gegeven door den heer Van der Biest-Andelhof, werd op 30n Mei geeindigd.

Een twintigtal getrouwen woonden de laatste les bij, waarbij twee hunner, de hh. Daugimont (Belg) en Mianssarian (Armeniër) den warmsten dank der esperantische studenten aan den wakkeren en sympathieken leeraar uitdrukten.

Hoewel men voor het oogenblik niet mag hopen dat het Esperanto het aanstaande schooljaar op het programma van het Instituut zal gebracht worden, mag men niettemin verheugd zijn over de verworven uitslagen. De studenten, die den leergang volgden, hebben grooten vooruitgang in onze geliefde taal gemaakt en zijn verkleefde propagandisten geworden, die het goede zaad zullen uitstrooien in de verschillige landen, waartoe zij behooren.

Overigens zal een nieuwe leergang geopend worden bij 't begin van het schooljaar 1907-08.

De heer kommandant Lemaire, die het esperantisch onderwijs bij het hooger Handelsinstituut heeft ontworpen en de heer bestuurder Dubois, die zich steeds aan de esperantische beweging zeer genegen heeft getoond, gelieven eveneens den hartelijksten dank der Antwerpsche esperantische studenten te aanvaarden.

— Feestmaal der Antwerpsche esperantische gasttablo. — Zaterdagavond, 11 Mei. Hôtel Stein. Bijzondere zaal.

Warm meiweder, warme verlichting, warme monden, warme harten, koele, maar verwarmende dranken. Heerlijke spijzen.

Een twintigtal. De kernen der Antwerpsche beweging verbroederen : de « gasttablanoj », de Berchemenaars en de Zurenborgers (mannen van de groene ster).

In het midden, de lustige kolonel « immer op de baan ! » maar nu niet.

Fine, dum intima akceptado sekve okazinta, Komandanto Lemaire, per elokventaj vortoj, esprimis la admirsentojn de ĉiuj pro la kvazaŭ mirakla rezultato atingita de tiuj, kiuj dediĉis sin kun tiom da memforgeso al tiu meritplena liberiga laborado

Patro Abato Leclercq, Patro Gilbert, Direktoro, Patro Cyrille, Superioro de la Fratoj, Frato Izidoro, estro de l' sekcio de l' blinduloj kaj Frato Julien, Direktoro de l' muziko, interŝanĝis lastan kaj koran manpremon kun siaj gastoj kaj ĉi tiuj reiris al Bruselo konservante pri tiu bela kunveno neforigeblan memoraĵon.

— Antaŭ dekkvin tagoj nia germana samideano, Sro Hanauer, el Frankfurto ĉe Mejno, vizitis Belgujon. Li estis tre kore akceptata ĉe la Brusela « Pioniro ». Post kelkaj varmaj vortoj diritaj de la Prezidanto por deziri bonvenon al nia samideano, Sro Hanauer dankis koregе, pruvante tiamaniere ke Esperanto taŭgas tre bone por starigi amikajn interrilatojn.

Sro Hanauer vizitis ankoraŭ kelkajn samideanojn en Bruselo kaj Antverpeno.

**Antverpeno.** Ĉe la supera komerca Instituto. — La esperanta kurso, instruita de Sro Van der Biest-Andelhof, finiĝis je la 30a de Majo.

Dudeko da fideluloj ĉeestis la lastan lecionon, dum kiu du el ili, Sro Daugimont (Belgo) kaj Mianssarian (Armenano), esprimis al la lerta kaj simpatia profesoro la plej varman dankon de la esperantistaj studentoj.

Kvankam momente oni ne povas esperi ke Esperanto estos enskribata sur la programo de la Instituto je l' komenco de la proksima lernjaro, oni tamen povas ĝoji pro la akiritaj rezultatoj. La studentoj, kiuj sekvis la kurson, faris grandan progreson en nia kara lingvo kaj fariĝis sindonaj propagandistoj, kiuj dissemos la bonan semon en la diversaj landoj, al kiuj ili apartenas.

Cetere, oni starigos novan kurson je l' komenco de la lernjaro 1907-08.

Bonvolu ankaŭ akcepti la plej koran dankon de la Antverpena esperantista studentaro Sro Komandanto Lemaire, la iniciatoro de esperanta instruado ĉe la komerca Instituto, kaj Sro direktoro Dubois, kiu ĉiam sin montris tre simpatia al la esperanta movado.

— Festeno de la Antverpena Esperantista gasttablo. — Sabatvespere, je la 11a de Majo. Hotelo Stein. Speciala ĉambrego.

Varma majvetero. Varmaj lumigiloj. Varmaj buŝoj. Varmaj koroj. Malvarmaj sed varmigaj trinkaĵoj. Bonegaj manĝaĵoj.

Dudekope. Tri kernoj de la antverpena movado fratiĝas : la gasttablanoj, Berchemeloj, Zurenborguloj ! (Verdastelistoj !)

En la mezo, la gaja kolonelo, « ĉiam sur la vojo ! » sed ne nun.

Rondom hem: de « gasttablestro en de « gasttablestredzino » heer en Mevr. Swagers, de doctors Broeckaert en Van der Biest, de esperantische leeraars Finet en Schoofs en andere medeijveraars.

Kunstige dischkaart en welluidend gezang door den heer Gossieaux.

Vurige aanspraak door den Poolschen dichter Max Horowitz, steeds onvoorbereid, nooit zonder ontroering.

Verbroedering. Esperantische luimige zetten. Vroolijke liederen in koor. Rinkelen van glazen. Luidruchtigheid. Herhaalde esperantische juichkreet (ban): *Ĉu*! (3 maal), *ĉie*! (3 maal), *ĉiam* (3 maal), *ĉu*!

Ĉirkaŭe: la gasttablestro kaj la gasttablestredzino, G^oj Swagers, D^oj Broeckaert kaj Van der Biest, la esperantaj profesoroj Finet kaj Schoofs, kaj aliaj klopoduloj.

Artoplena manĝkarto kaj dolĉa kanto de S^o Gossieaux.

Fajroplena alparolo de la polana poeto, Makso Horowitz, ĉiam senprepare, neniam senkortuŝe!

Fratiĝado. Spritaj esperantaĵoj. Ĝojaj korusaj kantoj. Glastintigado. Bruego. Rekriado de la esperanta aplaŭdo (ban):

*Ĉu*! (3 foje) *ĉie*! (3 foje) *ĉiam*! (3 foje) *ĉu*!

**Berchem'a grupo esperantista.** — Van nu af aan zullen de leden iederen woensdag vergaderen in het hôtel « Limburgia », waar zij eene « gastablo » zullen houden. Men zal er slechts Esperanto spreken. Zulks is de heerlijke bekroning der nooit volprezen toewijding van onzen ijverigen leeraar D^r Broekaert. Hij gaf niet enkel de 10 gewone lessen, maar hij zett'e ze tot nu voort. Gedurende zes maanden woonde hij al de vergaderingen zonder uitzondering bij. Ieder onzer bewonderde hem niet enkel, maar schatt'e hoog zijn onvermoeide werkzaamheid, zooveel te meer, daar hij voor de toekomst reeds andere ontwerpen heeft gevormd, hij heeft namelijk voorgenomen in Berchem drie leergangen in te richten: eenen in 't Fransch en eenen in 't Nederlandsch, en een anderen voor damen.

**Berchem'a grupo esperantista.** — De nun, la grupanoj kunvenos ĉiumerkrede en la gastejo « Limburgia » kie ili tenos gasttablon. Oni nur parolos en Esperanto. Tio estas la belega kronado de la nelaŭdebla sindono de nia agema profesoro D^ro Broeckaert. Li ne nur donis la 10 kutimajn lecionojn, sed ilin li daŭrigis regule ĝis nun. Dum ses monatoj li ĉeestis ĉiun kunvenon senekcepte. Ĉiu el ni ne nur admiras lin, sed ni treege ŝatis lian sindonemon senlacan, desplu ke li jam pripensas pri estonta klopado, ĉar li intencas malfermi tri Berchemajn kursojn: unu france, alian flandre, kaj trian por fraŭlinoj.

**Malonne** (Namur). — Au commencement de mars 1906, l'Esperanto fut révélé à un professeur du collège bien connu de Malonne, et ceci par le supplément hebdomadaire du journal « Le XX^me Siècle » et en même temps par le cours publié dans « L'Instituteur Belge ».

Pendant le mois de juillet qui suivit, ce professeur enthousiasmé donna quelques leçons à ses élèves, qui tous reçurent une Clef Ĉefeĉ.

Pendant de longs mois il fut le seul professeur vraiment Espérantiste. Mais en janvier 1907, le grain semé se met à germer, à croître et fait éclore des bourgeons pleins d'espoir. Fait inexplicable, si on ne connaissait les qualités maîtresses de l'édifice conçu par le glorieux docteur Zamenhof; édifice construit à l'aide de si nombreux matériaux, si délicats et cependant si bien coordonnés.

Pendant le prochain mois de juillet, quelques professeurs donneront encore des leçons d'Esperanto dans leurs classes respectives. A l'époque des vacances, ces leçons, fraîches à la mémoire, pourront être fort utiles à la propagande, car les 900 internes se dispersent dans le pays et même au-delà des frontières.

**Malonne** (Namur) — En la komenco de Marto 1906, Esperanto estis malkaŝita al unu profesoro de la sufiĉekonata kolegio de Malonne, kaj tio ĉi, per la ĉiusemajna aldono de la ĵurnalo « Le XX^me Siècle », kaj samtempe per la Esperanta kurso publikigita en « L'Instituteur Belge ».

Dum la sekvinta monato de Julio, tiu profesoro entuziasmigita donis kelkajn lecionojn al siaj lernantoj, kiuj ĉiuj ricevis ŝlosilon Ĉefeĉ.

Dum longaj monatoj, li estis sola profesoro vere Esperantista. Sed en Januaro 1907, la semo Esperanta ĝermas, kreskas, elpuŝas burĝonojn de espero plenajn. Fakto ne tute neklarigebla, se oni ne tre atentas la ŝatindajn ecojn de la bela maŝino elpensita de nia glora D^ro Zamenhof; maŝino konstruita per pecoj tiel multnombraj, tre delikataj kaj tamen tielbone ordigitaj.

Dum la venonta monato de Julio, kelkaj profesoroj donos ankoraŭ lecionojn Esperantajn en siaj respektivaj klasoj. Je la epoko de la libertempoj, tiuj lecionoj tutefreŝaj en la memoro, povos esti tre fruktodonaj por la propagando; ĉar la naŭcent (900) edukatoj loĝantaj disiras tutlande kaj eĉ kelkaj transpaŝas la landlimojn.

**Liége.** — M^r Sloutzky vient de terminer son cours donné dans les locaux de l'Université et plusieurs de ses élèves, jeunes et vieux, qui régulièrement suivirent les leçons de notre dévoué adepte, ont proposé qu'il donne un cours supérieur après l'été, pendant lequel on s'entretiendra exclusivement en Esperanto et où on s'efforcera de prendre une part active au mouvement.

**Liége.** — S^ro Sloutzky ĵus finis sian kurson en loko de l' Universitato kaj multo da gelernantoj, junaj kaj maljunaj, kiu alestis regule al la lecionoj de nia sindonema samideano, proponis ke li faru superan kurson, post la somero, dum kiu oni interparolos nur per Esperanto kaj klopodos partopreni al la esperanta agado.

**Verviers-Spa.** — Les espérantistes maintenant se dispersent, les uns à la campagne, les autres au bord de la mer, ou seulement dans les sites charmants de la région, cherchant la tranquilité, la quiétude. Il est si agréable d'abandonner pendant quelques mois les occupations fatiguantes de la ville ; pendant ces vacances on ne regrette certes ni son groupe, ni ses amis, et on se prépare pour le prochain automne lorsque, après le Congrès de Cambridge, le combat espérantiste recommencera contre les ennemis de l'Esperanto et principalement contre les indifférents et les ignorants.

Cependant les groupes de Spa et de Verviers organisent leur exposition d'été ; la B. L. E. et des amis dévoués, ont envoyés depuis quelques jours, une très intéressante collection de livres, de journaux et de cartes postales. Mais il est nécessaire que l'exposition soit la plus complète et la plus intéressante possible ; en conséquence nous prions nos amis belges et étrangers de bien vouloir nous adresser soit des cartes postales, soit des brochures, etc. Envoyez aussi les adresses de commercants qui font usage de l'Esperanto, pour que notre exposition puisse aussi avoir des spécimens de réclames commerciales en Esperanto. Nous remercions tous ceux qui nous aideront; ils aideront à répandre l'Esperanto dans une ville internationale, parmi un public cosmopolite.

**Verviers-Spa.** — Esperantistoj forflugas nun, tiuj al kamparo, aliaj al la rando de l' maro aŭ nur en la ĉarmaj ĉirkaŭaĵoj de l' urbo, serĉante la trankvilecon, la kvieton. Estas tiel agrable forlasi dum kelkaj monatoj la lacigantajn okupadojn de l' urbo ; dum libertempo oni certe ne forgesas sian grupon, siajn amikojn, sed oni sin preparas por la proksima aŭtuno, kiam post la Kongreso de Kembriĝ, la esperanta batalado rekomencos kontraŭ la malamikoj de Esperanto, kaj precipe kontraŭ la indiferentuloj kaj la nesciuloj.

Tamen la grupoj de Spa kaj Verviers organizas sian someran ekspozicion ; la B. L. E. kaj sindonemaj amikoj, sendis al ili, antaŭ kelkaj tagoj, tre interesan kolekton da libroj, da ĵurnaloj kaj da poŝtkartoj. Ĉar estas nepre necesa ke la ekspozicio estu la plej riĉa kaj la plej interesplena kiel eble, ni do petas la bel'gajn kaj alilandajn samideanojn sendi al ni ĉu poŝtkartojn, ĉu librojn, k. t. p. Sendu ankaŭ la adresojn de la komercistoj kiuj uzas Esperanton, tial ke nia ekspozicio konsistos ankaŭ el specimenoj de komercaĵoj anoncitaj per Esperanto. Ni dankas tiujn, kiuj nin helpos ; ili helpos disvastigi Esperanton en *urbo internacia* kaj meze *internacia publiko.*

**Verviers.** — Les cours se sont clôturés. D'autres commenceront après le Congrès de Cambridge. Le comité de la Croix Rouge, après démonstration de Mr Edouard Mathieu, a décidé d'ouvrir un cours spécial pendant l'automne.

L'assemblée générale de l'E. S. aura bientôt lieu ; on augmentera le comité, etc. Nous sommes invités par le groupe de Dusseldorf à assister à la fête du 21 juillet. Ceux qui désirent participer à cet agréable voyage voudront bien se faire inscrire. (Voyez adresse au texte Esperanto).

**Verviers.** — La kursoj finiĝis. Aliaj komencos post la Kembriĝa Kongreso. La komitato de la Ruĝa Kruco, post klarigo de Sro Edouard Mathieu decidis malfermi specialan kurson dum aŭtuno.

Baldaŭ okazos ĝenerala kunveno de l' E. S. ; Oni pligrandigos la komitataron, k. t. p. De la Duseldorfa Esperantista Grupo ni estas invitataj ĉeesti ĝian feston de la 21a de Julio. Tiuj kiuj deziras partopreni tiun agrablan vojaĝon, bonvolu skribi al Sro Georges Bevernage, rue d'Arlon, 31, Verviers.

## BIBLIOGRAFIO.

*Ĉe Em. Peltier, Sainte Radegonde,*
*Indre et Loire, France.*

**Hebrea Kalendaro,** originale verkita en Esperanto de pastro Jakobo Bianchini. Kolekto de la Moderna Biblioteko.... fr. 0,20

*Ĉe Presa Esperantista Societo,*
*33, rue Lacépède, Paris.*

**Esperanta Radikaro** *de* Th. Cart ; 88 p. 9×11. — *Prezo : 1 fr. por la propagando de Esperanto inter blinduloj.*

Tiu ĉi dua eldono diferencas de la unua per tio, ke ĝi enhavas la francan tradukon de la radikoj kaj novajn radikojn private rekomenditajn de D-ro Zamenhof. La radikoj, kiuj ne troviĝas en la *Universala Vortaro,* estos signitaj per steleto. Oni broŝuris la libreton kun la *Clef-Répertoire* de Sro Em. Robert. Dank' al tiu ĉi aldono la *Radikaro* fariĝis tre oportuna kaj malkara vortlibreto Esperanta-Franca kaj Franca-Esperanta, kiun oni povas konstante havi kiel *vade-mecum* en sia poŝo kaj en kiu troviĝas la plena fundamento de l'Esperanta vortaro kaj la plej akceptindaj el la novaj radikoj.

La *Radikaro* Esperanta-Franca, aparte broŝurita, sen *Clef-Répertoire,* kostas nur 0,60 fr.

**Simpla Metodo de la Agronomia profitkalkulado** de A. Nippa. Kolekto de la « Internacia Scienca Revuo ».
Prezo nemontrita.

*Ĉe la Esperantista Centra Oficejo,*
*51, rue de Clichy, Paris.*

**Esperantista Dokumentaro.**

**Dua Universala Kongreso de Esperanto.**

La libro enhavas la oficialan protokolaron de la Kongreso de Genevo kaj multajn sciigojn pri la kunvenoj, la festoj, ekskursoj, k. c. Niaj belgaj legantoj miros certe ke, en la oficiala protokolaro, sinjoro Komandanto Lemaire ricevis la gradon : Majoro. Ni esperas ke la aliaj informoj estas pli ĝustaj ol tiu-ĉi. prezo . . . . . . . . . . . . . . . . fr. 1,50

**Kristanaj preĝoj por blinduloj,** broŝureto per puŝitaj literoj Braille, de Fraŭlino Adria Tellini, aĉetebla ĉe la verkistino, Udine-San Rocco, Itallando . . . . . . . . fr. 0,50

### MUZIKO.

*Ĉe A.-J. Witteryck,*
*4, Nouvelle Promenade, Bruges.*

**Antaŭen Bruĝanoj !** poezio kaj muziko de A.-J. Witteryck, prezo . . . . . . . . . . . . . . . . fr. 1,00

**Sankta Nikolao.** Poezio de Hilda Ram, tradukita de Sro R. Van Melckebeke, muziko de A.-J. Witteryck . . . . fr. 1,00

## NI ALVENIS EN LA STACIDOMON.

Oni kutime skribas : Ni alvenis en la stacidomon. Tiu esprimo estas nekorekta.

Efektive, « alveni » estas la fino de la « veno » (veno estas la ago montrata per la verbo veni) ; do « alveni » estas la komenco de nova stato, la stato en kiu oni ripozas ; aliavorte « alveni » rilatas al la unua momento de la ripozo.

Ĉar en la ripoza stato oni ne sin movas, la n direkta tute ne taŭgas en la priparolata esprimo.

Sufiĉas diri : « Ni alvenis en la stacidomo ».

Ankaŭ oni same diros : Ni alvenis sur la placo ; ni alvenis tie, k. t. p.

Frans Swagers.

---

## EL AMERIKO.

Ni reproduktas opiniojn de amerikanoj pri elekto de vorto, kiu anstantaŭigus la kvazaŭ frazon : « Unuigitaj Ŝtatoj de la Norda Ameriko ».

La propono de S^ro Thomas Hunter estas almenaŭ stranga, ni opinias ke la konfuzo plilarĝiĝos.

Ni plibone ŝatas la proponon de S^ro J. C. Wills pri elekto de la vorto « Usono » kiu estas jam uzita de multnombro da Amerikanoj nordaj.

El « *The American Esperanto Journal* » n^o 5.

### Nia nomo.

Rilate al la adjektivo « Amerikana, » la popolo de la Unuigitaj Ŝtatoj aprobas ne alian adjektivon por aludado al si mem aŭ al sia lando. Tiu-ĉi vorto, en la limigita nacia signifo « rilatanta al la Unuigitaj Ŝtatoj, » estas permesata pro internacia uzado.

En Esperanto, internacieco estas la ĉefa regulo por la elektado de radikoj. Nu, Esperanto havas la ĝeneralan radikon « Amerik ». La kutimo permesu, ke oni ekmontru *adjektive* la kontinenton per « Amerika, » kaj nian nacion per « Amerikana » : jen Peru estas Amerika Ŝtato; Texas estas Amerikana Ŝtato; Amerikana kreskaĵo; Amerikana (Unuigitaj Ŝtatoj) poeto.

Ankaŭ oni povas havi la vorton *Amerikanlando* anstataŭ la malpli facile parolata nomo « Unuigitaj Ŝtatoj »

Por loĝanto sur la Amerika kontinento oni apenaŭ bezonas vorton, ĉar la rasoj estas multaj : tamen oni povas uzi por tiu-ĉi la vorton « Amerikulo. »

Thomas Hunter (A. E. 102).

El *Lingvo Internacia* » n^o 161.

### Pri la vorto « Usono ».

Kun multe da plezuro mi vidis en L. I. la novan, sed bezonatan vorton « Usona ». En Esperanto, kiel en la angla kaj aliaj lingvoj, mankas ia mallonga uzebla nomo por la Unuigitaj Ŝtatoj kaj iliaj anoj.

Unue, la nuna nomo, uzata sen la vortoj « de Norda Ameriko », ne estas preciza, ĉar estas ankaŭ Unuigitaj Ŝtatoj en Suda Ameriko, kaj, plie, la vortoj priskribus la unuigon de iaj ajn ŝtatoj, ĉu daŭran, ĉu provizoran.

Due, ĝi estas multenombra nomo por unu lando, kaj pro tio ĝi kreas neregulaĵojn en Esperanto. Oni povas ĝin uzi nek adjektive nek adverbe, nek kun la sufikso « an ».

Trie, la evitado de la adjektiva kaj adverba formoj necesigas frazojn multe tro longajn kaj ĝenajn. Ekzemple, « ano de la Unuigitaj Ŝtatoj », aŭ, por skribi precize, « ano de la Unuigitaj Ŝtatoj de Norda Ameriko ». Tiom ĉiufoje, kiam oni parolas pri ano, aŭ ĵurnalo, aŭ io de la U. Ŝ. N. A.!

Kompreneble, la vorto « Ameriko » ne estas uzebla anstataŭe. Ĝi havas tute alian sencon klare difinitan.

La samaj neregulaĵoj kaj ĝenaĵoj ekzistas en la angla lingvo, kaj, mi kredas, en ĉiuj naciaj lingvoj, sed tio ne necesigas, ke ili ekzistu en Esperanto. Kvankam malaprobante la ne necesan kreadon de novaj vortoj, mi plene kredas, ke estus multe pli facile, ke ĉiu lernu novan nomon por la U. Ŝ. N. A., ol ke oni uzu la nunajn longajn frazojn.

Estas multaj ĵurnaloj en Kanado kaj en la U. Ŝ. N. A. kiuj konsilis la alprenon de la vortoj « Usona » kaj « Usonian » (devenigitaj de la ofte uzataj ĉefliteroj « United States of North America »). Tial, se la Esperantistaro alprenos la nomon, ĝi estos komprenata de multaj angleparolantoj sen klarigo, kaj estas tute eble, ke la vorto estos alprenata de la angla lingvo. Ĝia mallongeco kaj precizeco kaŭzos tion, esperable.

J. C. Wills

Belleville (Ontario).

---

## MANESKRIBITA BIBLIOTEKO.

Mi jam ricevis jenajn verkojn :

1/ Milita Skizo (soneto). — 2/ Aprilo (soneto). — 3/ La almilitantoj de Ameriko (laŭ soneto de Leconte de Lisle). — 4/ Ripozo. — 5/ La fino de la Mondo.

Ĉiuj estas elverkitaj de G. Sch. La kvar unuaj estas poeziaĵoj, la kvina estas prozaĵo.

---

La kunlaborantoj bonvolos sciigi min : 1^e siajn nomojn kaj adreson ; 2^e ĉu ili permesas ke oni sendu kopion de iliaj verkoj al la belgaj samideanoj kiuj tion postulos; 3^e kion ili opinias pri jena propono.

« Tiuj kiuj deziras ricevi kopiojn de verkoj, kiuj estas troveblaj en la maneskribita biblioteko, pagos 10 centimojn por la forsendaj kostoj. Plie kelkajn centimojn por kopiaj kostoj. En la nomaro de la verkoj oni ĉiam montros per la signoj « pr... cent. » la prezan kiomon por la kopiado. »

---

La kunlaborantoj ankoraŭ zorge sciigos ĉu la verkoj, kiujn ili al mi sendos estas originale verkitaj aŭ tradukoj. Ĉe tiu lasta okazo, ili ĉiam skribos sub la titolo la nacilingvan nomon de la tradukita verko kaj post ĝi la nomon de la nacilingva aŭtoro.

Oni sendu la maneskribaĵojn, legeble skribitajn sur « propatriaj » folioj al S^ro Eŭg^o Mathys, filo, urba instruisto kaj belarta profesoro en *Loveno* (Louvain).

## LOĜEJOJ EN CAMBRIDGE.

Oni povas sin turni al M^rs Woods (Sinjorino) 35, Trumpington Street, Cambridge. La kondiĉoj por la loĝejo, la matena, taga kaj vespera manĝoj estas 5 ŝilingoj, t. e. 6,30 frankoj ĉiutage, aŭ 30 ŝilingoj por la plena semajno.

Tamen ŝi povas doni adreson de domoj akceptante de 21 ĝis 28 ŝilingojn semajne.

S^ro abato Richardson, kiu sendas tiujn sciigojn al la ĵurnalo, aldonas ke li, kiel anglo, estos feliĉa helpi siajn karajn samideanojn belgajn, ĉar li esperas renkonti multajn el ili ĉe la Tria Kongreso.

# Principaux Manuels en langue française.

*en vente aux dépôts de la Maison* Hachette & C^ie.

**Grammaire et exercices de la Langue Internationale Esperanto** par L. de Beaufront. fr. 1.50
**Corrigé** de cet ouvrage . . . . . . . . . . . . . . . . » 0.75
**L'Esperanto en 10 leçons** par Th. Cart et M. Pagnier . . . . . . . » 0.75
**Corrigé** de cet ouvrage . . . . . . . . . . . . . . . . » 0.50
**Dictionnaire Esperanto-Français** par L. de Beaufront. . . . . . . . » 1.50
**Vocabulaire Français-Esperanto** par Th. Cart, M. Merckens et P. Berthelot . » 2.50
**Thèmes d'application** par L. de Beaufront . . . . . . . . . . » 2.00
**Cours complet d'Esperanto**, par le Comm^t Matton . . . . . . . . » 1.50

Tous ces prix s'entendent : port en plus.

# Nederlandsche Handboeken.

Bij den schrijver te Hilversum (Holland): **Volledig Leerboek der opkomende wereldtaal Esperanto**, door Dreves Uitterdijck, Trompschool, Hilversum : fl. 1.50 (fr. 3.25)
Bij den drukker van *La Belga Sonorilo*, Nieuwe Wandeling, 4, Brugge : **Het Esperanto in 10 lessen.** . . . . . . . . . . . . . . fr. 0.50
Verzendingskosten daarboven.

## *Publications Espérantistes belges.*

**Esperantaj Belgaj Presajoj**

Ĉe : A. J. Witteryck, 4, N^lle Promenade. Bruges.

**Het Esperanto in 10 lessen**, de A.-J. Witteryck 0.50
**Volledige Spraakleer** van het Esperanto, de A.-J. Witteryck. . . . . . . . 0,25
**Paĝoj el la Flandra Literaturo**, kolektitaj kaj tradukitaj de D^ro Maurice Seynaeve kaj D^ro Raym. Van Melckebeke . . . . . 1.50
**Blinda Rozo** de Hendrik Conscience, esperantigita de S^rino Edm. Van Melckebeke-Van Hove. . . . . . . . . . . . 1.00
**Tra Mez-Afriko**, de K^to Ch. Lemaire. . . . . 2.50
**Companion** of the English Esperantist, by A.-J. Witteryck. . . . . . . . . . 0.50
**Kelkaj floroj esperantaj**, 3 broŝuretoj de A.-J. Witteryck. . . . . . . aparte 0.20
**Résumé de grammaire** Esperanto, d'après L. de Beaufront, par le L^t Colonel de Troyer 0.25
**Esperanto à l'usage des Français**, par H. Palmer 1.25

Ĉe : S^ro E. Mathys.
urba instruisto kaj profesoro belarta, Louvain.

**Manuel complet** de langue Internationale Esperanto par les méthodes analytique et synthétique . . . . . . . . . . 0.30

Ĉe : Madame P. Dubois.
Grande Imprimerie du Centre, La Louvière.

**Cours méthodique**, d'Esperanto publié par « L'Instituteur Belge » . . . . . . . . 0.65

Ĉe : W^e Demarteau-Thys & Zoon.
Hasseltschestraat, 21, Tongeren.

**Het Wetenschappelijk** vraagstuk eener kunstmatige taal, door J. Neerdaels . . . . 0.50

Ĉe Van Hille-De Backer.
Zirkstraat, 35, Antwerpen.

**La ĉiutaga Vivo**, de S^roj Swagers kaj Finet. . 1.00

**Aldonu la koston de la sendo.**

| Ces prix s'entendent port en plus. | Bij deze prijzen zijn de verzendingskosten niet gerekend. |
|---|---|

# L'ESPERANTO.

**Solution du problème de la Langue Internation. auxiliaire**

BROCHURE DE PROPAGANDE.

*NOUVELLE ÉDITION. — 1^er JANVIER 1907.*

| | | |
|---|---|---|
| PRIX : | Un exemplaire franco . . | 0.10 fr. |
| | 10 exemplaires . . . . | 1.00 » |
| | 20 » . . . . | 1.50 » |
| | 50 » . . . . | 3.50 » |
| | 100 » . . . . | 6.50 » |

Specimen gratuit
S'adresser par écrit, 53, rue de Ten Bosch, Bruxelles.

## Belgaj Ligaj Grupoj.

**Antverpena Grupo Esperantista.** Prezidanto : Dro Raym. Van Melckebeke, 22, avenue des Arts, Anvers.
Sidejo : Taverne Royale, 39, place Verte, Anvers.

**Pioniro**, Esperantista Brusela Grupo. Prezidanto : Sro Lucien Blanjean, 83, r. du Collège, Ixelles-Bruxelles.
Sekretario : Sro Octave Chalon, 34, rue Van Ostade, Bruxelles.
Sidejo : La Louve, 5, Grand'place, Bruxelles.

**Esperantista Societo**, en Verviers. Prezidanto : Sro Edouard Mathieu, 45, rue de la Montagne, Verviers.
Sidejo : 20, place Verte, Verviers.

**Grupo Esperantista**, en Huy. Prezidanto : Sro Thiry, commissaire-voyer, Huy.

**Lieĝa Grupo Esperantista.** Prezidanto : Sro E. de Troyer, 28, Rue César Franck, Liége.
Sekretario : Sro Ansiaux, 29, rue St Gilles, Liége.

**Liera Grupo Esperantista.** Prezidanto : Sro Mengal, kapitano komandanto, Lierre.

**Bruĝa Grupo Esperantista.** Prezidanto : Sro A-J. Witteryck, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

**La Semanto**, Grupo en Laeken. Prezidanto : Sro H. Calais, 23, rue du Chemin de Fer, Bruxelles.

**Grupo Esperantista**, en Duffel. Prezidanto : Dro L. Jacobs, Duffel.

## Aliaj Belgaj Grupoj.

**Section Espérantiste**, du Cercle Polyglotte de Bruxelles.
Sekretario : So Luc. Blanjean, 83, rue du Collège, Ixelles-Bruxelles.

**Esperantista Lovena Grupo**, en Louvain. Prezidanto : Sro Advokato Edm. Van Dieren, Ste Barbarastraat, 14, Louvain.

**Grupo de la garnizono**, en Namur. Prezidanto : So Bisman, Kapitano de la 13a linia regimento.
Sidejo : Hôtel de Hollande, Namur.

**Berchema Grupo Esperantista.** Prezidanto : Sro prof. Ant. Havermans.
Sidejo : Café des Arts, Berchem.

**La Verda Stelo.** Prezidanto : Sro Fr. Schoofs.
Sidejo : Café Zomerhof, 32, place de l'Aurore, Anvers.

**Woluwa Blindulgrupo Esperantista.** Sidejo : Institut Royal des Sourds-Muets et des Aveugles, 72, Avenue Georges Henri, Bruxelles.

**Aliaj Grupoj** en St. Gilles, Namur, Malines, Gand, Andenne, Antoing, Renaix, Spa, Gembloux, Nivelles, St Trond, k. c.